# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**




**N-ro 67**
**Bulteno de KAEM**
**Majo 2010**

---

## Saluto de la Prezidanto

La 6-a Azia Kongreso de Esperanto (6.19~23, Ulanbatoro, Mongolio) pli kaj pli proksimiĝas. Laŭ ĝishodiaŭa statistiko (la 14-an de majo, 2010), 197 esperantistoj el 30 landoj aliĝis al la kongreso. Mi vidas, ke jam nombre la kongreso estos sufiĉe sukcesa, sed aliflanke ni, aziaj esperantistoj, devas klopodi por pliriĉigi la enhavon de la kongresa programo.

Kompreneble, la kongreso estas festo de aziaj esperantistoj, sed al ĝi venos ne malmultaj alikontinentaj samideanoj por ĝuti nian renkontiĝon aŭ por dividi nian aziecan etoson. Mi opinias, ke ĉu la kongreso sukcesos aŭ ne, tio dependas de aranĝitaj programeroj. Por riĉigi la kongresan programon, viaj bonvolaj enviciĝo kaj engaĝiĝo estas nepre atendataj.

Dum la kongreso okazos diversaj kunsidoj kaj eventoj, t.e., fakaj kunsidoj (instruista, kuracista, komercista, artista, sporto-amanta kaj religia), prelegoj pri Mongolio kaj Esperanto-movado, kongresa universitato, artaj aranĝoj (nacia kaj internacia, koncerto), oratora konkurso, aŭkcio, kurso por komencantoj kaj ekskursoj. Kompreneble, en tiuj kunsidoj vi rajtas

prezenti vian propran opinion aŭ proponon por nia movado kaj vi povos apelacii novan iniciaton por progresigi nian movadon en Azio aŭ pri viaj ŝatataj aferoj pere de Esperanto.

KAEM kaj LKK kunlaboras tre harmonie kaj amike por sukcesigi la kongreson, sed mi antaŭvidas, ke pro ne sufiĉe da nombro de esperantistoj en Mongolio, dekkelkaj helpantoj el aziaj esperantistoj estas atendataj por funkciigi la kongreson glate.

Jen mi petas de vi, aliĝintoj kaj aliĝontoj, ke tiuj, kiuj bonvolus helpi LKK-n, bv, sin anoncu al la prezidanto de LKK rete <enchjo@yahoo.com> anticipe.

Estimataj, Imagante amikajn vizaĝojn de samideanoj en la kongresejo kaj rikoltplenan kongreson, KAEM kaj LKK atendos vin en la verda urbo, Ulanbatoro.

Samideane via, LEE Jung-kee (prezidanto de KAEM)

## Malneta programo de la 6a Azia Kongreso en Mongolio

* Se vi havas novajn proponojn por riĉigi la kongreson, senĝene turnu vin al KAEM kaj LKK.

[Kunsidoj] (En Halo kaj ekster la kongresejo)
1. Malferma ceremonio 2. Nacia Vespero 3. Internacia Vespero
4. Koncerto (Eruda LI kaj mongola pianistino)
5. Ferma ceremonio 6. Akcepto de la urbestro

[Ĝeneralaj kunsidoj]
1. KAEM -fermita (KAEM) 2. KAEM -publika (KAEM)
3. Ĝemelaj urboj (Wu Guojiang) 4. Aŭkcio (TAHIRA Masako)
5. Kongresa temo 6. Mongola eksprese -1
7. Mongola eksprese -2 8. Pri Mongolio – Historio
9. Pri Mongolio - Arto kaj Kulturo 10. Junulara renkontiĝo
11. Oratora konkurso (TAHIRA Masako) 12. Esperantologio
13. Kongresa universitato (SASAKI Teruhiro)

14. Konversacio-1 15. Konversacio-2
16. Novaj Esperanto-libroj el Azio
17. Ekzamenoj de ILEI/UEA, atingoj kaj evoluo (Mireille Grosjean)
18. Propedeŭtika valoro de Esperanto. Fenomenoj ligitaj al lingvolernado (Mireille Grosjean).

[Fakaj kunsidoj]
1. Instruistoj (ISIKAWA Tieko / Mireille Grosjean)
2. Kuracistoj 3. Komercistoj (WANG Tianyi)
4. Artistoj (Eruda LI) 5. Sportistoj
6. Budhismo 7. Katolikismo
8. Kristanismo 9. Oomoto
10. Ŭonbulismo (KIM Kwang-soo) 11. Kunlaboro inter religioj
12. Turismo 13. Tabloteniso-amantoj(ISOGAI Naotake)
14. Asocio de Verduloj Esperantistaj (Mireille Grosjean)

[Personaj kunsidoj] * Proponoj estas atendataj.
1. Pri Seula Esperanto-Kulturcentro (LEE Jung-kee)
2. Memore al d-ro LEE Chong-yeong el Koreio (PARK Yong-sung)
3. Memore al prof. Chimid Dogsuren el Mongolio

**'Kongresa Universitato' prof. SASAKI Teruhiro**

En la fakkunsido 'Kongresa Universitato' prof. SASAKI Teruhiro el Japanio prelegos kun la titolo "Esperantigo de la naciaj trezoroj". Bonvole legu lian suban leteron, kaj interesitoj enviciĝu al la prelego kaj ni fekundigu la kongresan universitaton. Tiuj, kiuj interesiĝas, turnu vin al li <steruhiro@hotmail.co.jp>.

**Mesaĝo de prof. SASAKI**: Ĝis nun estas tradukitaj ne malmulte da klasikaĵoj en Esperanton, sed ankoraŭ restas multe da trezoroj ne Esperantigitaj. Ĉiuj nacioj havas sian trezoron kaj historion. Por ekzemplo ĉinaj Esperantistoj jam faris tre bonan tradukon de siaj klasikaj libroj kiel "Tri Regnoj", "Analektoj" kaj aliaj. Nun tempas, ke aliaj nacioj ankaŭ devas publikigi Esperante siajn trezorojn. Venu

la tempo, kiam oni antaŭ ĉio unue devos lerni Esperanton por scii pri aziaj naciaj trezoroj kaj historioj. En la fako de E-Universitato raportistoj el aziaj landoj prezentos pri nuna situacio kaj pri estonta tasko por Esperantigo de siaj trezoroj. Mi deziras, ke oni sendu raportonton el ĉiu lando.

**Aŭkcio**

Aŭkcio okazos en la 22a (mardo), inter la horoj 14:00-15:00. La gajnoj iros al la UEA-konto "Espero", kiu helpas viktimojn de naturaj katastrofoj. Ĉi-foje al Haitiaj esperantistoj, kiuj perdis familianojn, loĝejon, laborejon, esperantajn librojn en la granda tertremo en la 12a de januaro.

Aŭkciaĵoj estu Esperantaĵoj: raraj libroj, gazetoj, insignoj, T-ĉemizoj, poŝtmarkoj, poŝtkartoj, kongressakoj, fotoj, Zamenhofaĵoj ktp. Se vi ŝatas donaci tiajn objektojn al la Aŭkcio, portu ilin al la kongresa giĉeto aŭ rekte al s-ino TAHIRA Masako <tahira-masako@nifty.com>, kiu estas ĉefzorganto por la aŭkcio.

**Oratora Konkurso**

Ne mankindas Oratora Konkurso en Esperanto-kongreso. Rajtas partopreni senpage ne nur junuloj, sed ankaŭ eksjunuloj. La Oratora Konkurso okazos en la 21a (lundo) post vespermanĝo. Kandidatoj anoncu sin ĝis la 20a tago al la kongresa giĉeto.

* La temo de la oratoraĵo estu "Azia Harmoniiĝo per Esperanto".
* Parolado daŭru maksimume 10 minutojn.
* Oni taksos oratorecon laŭ enhavo, lingvo, stilo, sinteno.
* La plej bonaj konkursantoj ricevos premiojn.

**Nova prezidanto elektiĝos**

En la kunsido de KAEM dum la kongreso okazos elekto de nova prezidanto de KAEM. La nuna prezidanto s-ro LEE Jung-kee, kiu malfermos la kongreson, eksiĝos, kaj en la Fermo aperos la nova prezidanto. Kiu elektiĝos? Tio estas alia intereso dum la kongreso.

# Indonezio

## Post la novembraj kursoj: kio okazas nun?

2010/4/16 Heidi Goes <heidi.goes@gmail.com>

En la antaŭa numero de "Esperanto en Azio" ni jam sciigis pri la kursoj, kiuj okazis en novembro 2009 en Indonezio. Intertempe la grupo 'Esperanto en Indonezio/Esperanto di Indonesia' en Facebook jam multe kreskis. Partoprenas ne nur lernantoj de Heidi, sed ankaŭ kelkaj, kiuj mem eklernis Esperanton, ĉu antaŭ ŝia vizito, ĉu poste, foje pro konatiĝo kun Esperanto pere de la menciita grupo; aldone partoprenas ankaŭ eksterlandanoj, tiel ke la indonezianoj povas vidi ke ili interesiĝas pri la movado en Indonezio. Pluraj inter la indoneziaj esperantistoj, eĉ komencantoj, nun havas eĉ dekojn da esperantistaj amikoj en Facebook. Tio estas granda progreso, ĉar ili komencis uzi Esperanton ankaŭ en siaj komentoj tie. Alia bona afero estas, ke tiamaniere indoneziaj esperantistoj de diversaj urboj konatiĝas unu kun la alia, kaj kreiĝas amikeco. Tio necesas por poste krei verajn klubojn kaj landan asocion.

Ne ĉiuj emas lerni memstare. En la urboj Semarang kaj Bandung estis provoj kunveni por kune lerni, sed tio ankoraŭ ne sukcesis. En la urbo Yogyakarta Yohanes Manhitu provas kunvenigi la lernantojn de Heidi. Sed plej sukcesaj ĝis nun estas la lecionoj en Jakarta. Bobby Mulyadi, kiu memstare lernis Esperanton, kaj antaŭe jam kunlaboris kun Heidi pri la indonezia ŝlosilo, sekvis ŝiajn lecionojn en novembro kaj tiel konatiĝis kun samaĝuloj, kiuj volas lerni Esperanton. Jam tri fojojn kelkaj lernantoj el Jakarta



kunvenis por kune lerni sub la gvido de Bobby Mulyadi (vidu foton). La trian fojon li havis kvin lernantojn. Unu el la ĉiam ĉeestintaj komencantoj estas Eta Esperantina. Ŝi ricevis sian nomon de la patro, kiu lernis Esperanton antaŭ 50 jaroj.

La grupo faris la sekvan raporteton:

**Lerni Esperanton Kune**

"Kio estas Esperanto?" Ĉi tiu demando unue aperis en nia menso dum ni ĉeestis la mallongan kurson de Esperanto en Universitas Indonusa Esa Unggul la 21an kaj 22an de novembro 2009. Tamen estis ankaŭ kelkaj partoprenantoj, kiuj jam konis Esperanton, ĉu tra sia familio, ĉu pro lernado per la reto. Plue, kelkaj ĉeestintoj starigis la sekvan interesan demandon: "Ĉu Esperanto estas la sama kiel la hispana lingvo?" Ĉi tiu demando estas taŭga, ĉar ambaŭ estas (kvankam Esperanto nur parte) idoj de la latina lingvo. Plue, estas similaĵoj inter la du lingvoj, ekzemple: *facila* parencas al *fácil*. Bobby dum paŭzoj klarigis al siaj novaj amikoj pri la diferencoj inter la du lingvoj.

Post kiam ni ĉeestis la mallongan kurson (en kiu Heidi instruis nin), ni ekhavis imagopovon pri Esperanto kaj interesiĝis lerni ĝin plue. Tial, ni faris anoncon en la grupo de Facebook: *Esperanto – Jakarta* por kune lerni Esperanton.

Ĉar ni fakte loĝas sufiĉe for unu de la alia (Jakarta estas tre granda), ni kunvenas en publika loko. La unua kunveno okazis la 6an de februaro 2010 en la korto de la vendejego Bellagio en Kuningan, kie partoprenis kvar personoj. La dua kunveno okazis la 20an de februaro 2010 en la sama loko kaj la tria kunveno en la korto de Central Park en Slipi la 7an de marto 2010. Ekde la 17a de aprilo ni provos denove kunveni ĉiun duan semajnon.

Ni dankas al Eta, Ilia kaj Bobby pro ilia raporto, kaj esperas ricevi similajn raportojn (kaj fotojn), ankaŭ de aliaj grupoj! Certe ĉi tiu grupeto estos tute preta por la ekzamenoj en septembro-oktobro ĉi-jare. *Heidi planas plian instruvojaĝon septembre-oktobre.

## Japanio

### La 43-a Esperanto-Seminario de JEI

Okazis la 43-a Esperanto-Seminario organizita de Japana Esperanto-Instituto (JEI) en la urbo Tiba, antaŭurbo de Tokio, de la 2-a ĝis la 4-a de majo.

Tiun ĉi tutlandan Esperanto-seminarion ĉiujare organizas JEI, kaj ĉi-foje ĝin partoprenis 48 homoj kun diversaj aĝoj kaj spertoj pri Esperanto. Ĉiu partoprenanto laŭ sia intereso kaj volo elektis por si taŭgan klason el ses diversnivelaj, diverstemaj klasoj. Iu klaso estis por komencantoj kaj aliaj por komencintoj/ mezniveluloj, tamen ankaŭ estis memstara klaso por altniveluloj sen gvidanto, kaj enkonduka klaso aparte aranĝita por universitata studento, kiu komencis la lernadon de nia lingvo nur antaŭ unu monato.

Entute ĉirkaŭ 12-hora intensiva leciono estis la plej grava elemento de la seminario, sed ne nur tio. Dum la seminario okazis ekzameno kaj la Nova Testo, kaj ekzameniĝis 9 personoj. Spertaj esperantistoj okazigis fakkunsidojn; en unu fakkunsido ili parolis pri tio, kiamaniere ili lernis la lingvon kaj konsilis al multaj ĉeestantoj rekomendindajn lernometodojn k.s. La alia fakkunsido temis pri sonĝo-analizo, kiu tamen havis nenian rektan rilaton kun lingvolernado.

Ankaŭ distran programon oni ĝuis. Gaja Vespero jam estas tradicia programo en la dua tago kaj ĝi donis bonan ŝancon interkonatiĝi unu la alian. Dum la programo ĉiuj sinprezentis kaj ĝuis bildteatraĵon, kantadon, aŭkcion k.t.p.

Inter 48 partoprenintoj, du estis alilandanoj; unu estis juna usonanino laboranta kiel instruisto de la angla kaj la alia estis honkongodevena kanadano, kiu gvidis unu klason. Estis aparte notinde, ke troviĝis kvar 20-jaraĝuloj inter la partoprenintoj. Manko de junuloj en Esperantujo jam estas granda problemo en Japanio, do tial tiuj 4 gejunuloj donis al ni kuraĝon daŭrigi nian laboron diskonigi Esperanton al junularo.

ISIKAWA Tieko <isksanjo@ff.e-mansion.com>

## Intensiva kurso en Esperanto-Domo

La 17-18an de aprilo en Esperanto-Domo de Yatugatake okazis Intensiva kurso organizita de Kantoo-Esperanto-Ligo, kies teritorio estas Tokio kaj la ĉirkaŭaj 6 gubernioj. Partoprenis en ĝi 18 homoj.

Ni havis du kursojn; komencantan kaj konversacian. La unuan klason gvidis prof. Sasaki Teruhiro kaj la duan s-ro Salikh Zakirov el Rusio kaj s-ro Hori Jasuo. Ambaŭ estas tre interesaj kaj enhavriĉaj, kaj ĉiuj estis kontentaj.

Vespere okazis prelegeto de s-ro Zakirov. Li estas tataro, kiu venas de Respubliko Bashkorstano en Rusio. Li parolis pri sia lando ne konata al japanoj en tradicia kostumo.

Poste okazis Gaja Vespero, en kiu talentuloj montris sian arton: buŝharpon, muzikludon per plasta botelo, prestidigiton, fingrofajfadon, kaj pli poste ni kune ĝuis bingon kun multaj premioj.

En la dua tago, sub la belega vetero ni praktikis tajĝiĉjuan kaj promenis en la kamparo. Ni povis vidi monton Fuĵi. Je la 9a komenciĝis la samaj kursoj, kaj je la 12a ni adiaŭis la Esperanto-domon. Hori Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

## Kurso de Esperanto en Tokio

La 17an de aprilo okazis publike en Esperanto-Domo en Tokio Unutaga Kurso de Esperanto, kiun organizis “Sep Esperanto-Grupoj en Tokio”. Kimura Goro Christoph, asista profesoro ĉe Sophia-Universitato, prelegis memore al la Internacia Jaro por la Proksimigo de Kulturoj, kaj Inumaru Fumio, estrarano de Japana Esperanto-Instituto, gvidis unuhoran kurson de Esperanto. Ĉeestis 30 homoj. Post la Unutaga Kurso komenciĝos enkonduka kurso de Esperanto kelkloke en Tokio.

Syozi Keiko <syozik@qa2.so-net.ne.jp>

## Forpasis s-ino SUGITANI Hiroko

S-ino SUGITANI Hiroko (japanino), kiu agadis en multaj sferoj de Esperantujo, forlasis la mondon je la 7a ptm en la 19a de marto pro leŭkemio.

## Ĉinio

### Preparo por la 6a Nordorienta Ĉina Kongreso

Jam fondiĝis 8-persona Loka Komitato de Kongreso por la 6-a Nordorienta Ĉina Kongreso okazonta inter la 20-a kaj la 22-a de aŭgusto 2010 en Dandong, Liaoning. Profesoro Lu Yan, prezidanto de Dandong-a Esperanto-Asocio, gvidas la komitaton. Oni povas kontakti s-ron Shang Ying <amiko818@163.com>, s-ron Ma Fengchen <riveroyalu@hotmail.com> kaj prof. Lu Yan <ly2007-lsy@163.com>.

### Prof. Song Ping Instruas ABC de Esperanto




La 12-an de aprilo, Harbina Yutong-a Instituto pri la Disvastigo de Esperanto komencis “ABC pri Esperanta Kurso”, en kiu 9 studentoj lernis Esperanton. Krom ili, ankaŭ du sinjorinoj, oficistinoj, kiuj laboras en Harbina Impostejo, ĉeestis ĝin. Prof. Song Ping gvidis tiun ĉi Esperanto-kurson.

## La 4a Zaozhuang-a Internacia Festivalo

La kvara Zaozhuang-a Internacia Festivalo de Esperanto okazos en la 10-12-a de septembro 2010. Ĉi-jara festivalo okazos en Zaozhuang-a Profesia Instituto kaj Zaozhuang-a Universitato kun jena programo: prelegoj, vizito de ĉinaj familioj, aŭkcio de Esperantaĵoj, interŝanĝo de pentraĵoj, oferi bukedon al Zamenhof-statuo, la tria foto-konkurso de esperantistoj kaj turismo.

Antaŭ la festivalo LKK aranĝos dutagan turismon en Qingdao kaj Konfuceejo kaj partoprenantoj povos alveni kaj flugi en Qingdao. Aliĝilon petu al <semio@163.com>

## Kurso en la Universitato Baiyun Inaŭgurita

La 7an de majo, en la ĉina urbo Kantono, okazis la inaŭguro de Kurso de Esperanto en la Universitato Baiyun. Dum la malferma ceremonio oni laŭtlegis, far du gestudentoj, la salutmesaĝojn de landaj kaj internaciaj Esperanto-organizaĵoj.

Partoprenis krom la studentaro kelkaj lokaj esperantistoj kaj reprezentantoj de la Universitato Baiyun. Mallongajn prelegojn faris s-ro Petro Ye (vicprezidanto de la Esperanta Asocio de Kantono); s-ro Augusto Casquero (hispana esperantisto) kaj s-ro Dai Shengqiao (profesoro de tiu universitato, organizanto de la kurso kaj ties instruisto).

La tuta ceremonio estis kortuŝa, kaj la ĉeestantoj kaj gelernantoj montris grandan entuziasmon lerni la internacian lingvon Esperanto. Fine oni kantis la himnon de Esperanto "La Espero".

Augusto Casquero <augustocasquero@gmail.com>

## La 2a Lingva Festivalo en Nankino

La Esperanto-Asocio de la urbo Nankino en Ĉinio nun preparas sian 2an Lingvan Festivalon okazontan la 12an-13an de junio. Multaj esperantistoj ne scias, sed la 1a Lingva Festivalo en 2008 estis eble la plej ampleksa kaj populara lingvo-evento en la Internacia Jaro de Lingvoj de la Unuiĝintaj Nacioj. Esperanto-Asocio sponsoris tiun eventon.

Inter la multaj celoj de nia venontmonata Festivalo, unu estas provi prezenti landajn lingvojn de la 27 landoj de la Eŭropa Unio. Ĝis nun ni trovis lingvojn por eble 24 el ili, sed ankoraŭ mankas al ni tiuj de Rumanio, Latvio kaj Litovio.

Dennis Keefe, <www.linguafest.info>

## Vjetnamio

### La 10-a Printempa Renkontiĝo




Regule, kiam printempo venas, Vjetnama Esperanto-Asocio organizas unuan renkontiĝon de la jaro por anoj, por ke ĉiuj povu renkontiĝi unu kun la alia, fari bilancon de lastjaraj laboroj kaj proponi planojn por venonta jaro. En ĉi-jara 10a renkontiĝo alvenis ĉirkaŭ 20 geesperantistoj. La loko estis la ĉefa oficejo de Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj. Renkontiĝo komenciĝis je la 8a matene kaj duono, finiĝis je la 11a. En la renkontiĝo partoprenis delegitoj de VUAO kaj de VEA kaj homoj el diversaj kluboj, societoj en Hanojo....

Malfermis la renkontiĝon s-ro Nguyen Van Loi, kaj poste s-ro Thu, ĝenerala sekretario, raportis pri agadoj dum la lasta jaro 2009, legis leteron de s-ro Osmo Buller pri la 97a UK en Hanojo kaj prezentis planojn por organizado de UK. Kaj poste, partoprenantoj diskutis, proponis siajn opiniojn kaj parolis pri spertoj de antaŭaj UK-oj. Inter la paroladoj de la delegitoj estis arta programo de Hanoja Esperanto-Societo. Nhượng Nguyễn<au.ag.phuong@gmail.com>

## La Esperanta versio de Historio de Kieŭ de Nguyen Du

Historio de Kieŭ, fama verko de granda poeto Nguyen Du /Ngujen Zu/, estas tradukita en multajn lingvojn en la mondo. La Esperanta versio estas delonge atendata de la vjetnama esperantistaro.

Ĝis nun, rilate al la Esperanta traduko, ekzistas nur manuskriptoj fare de kelkaj esperantistoj nur por interna cirkulado: en Hanojo, la maŝine tajpita manuskripto de Dang Dinh Dam en 2003; en Ho Chi Minh urbo, la komputile tajpita versio kun versoj de Le Cao Phan en 2004.

En 2006, okaze de la partopreno de vjetnamaj esperantistoj en UK 91 en Florenco, Italujo, s-ro Le Cao Phan sendis donace al s-ro Renato Corsetti, tiama prezidanto de UEA, unu kopion. S-ro Corsetti ege bonvenigis ĝin, kaj dum sia vizito al Vjetnamujo en 2007 laŭ invito de VEA por partopreni IJK-on en Hanojo, li sciigis al ni sian intencon prezenti tiun vjetnaman literaturan klasikaĵon al la monda esperantistaro, kondiĉe de sufiĉe multe da plibonigo, enhave kaj aspekte.

La kandidatiĝo de Vjetnamujo por gastigi la 97an UK-on en 2012 estas motoro por akceli tiun aferon. En 2009, s-ro Corsetti organizis internacian laborgrupon. Ankaŭ VEA organizis labrogrupon. Surbaze de tiu situacio, ni okazigis la dek-homan kunvenon la 11an de marto 2010 ĉe Domo de Amikeco. La partoprenantoj pretaj kontribui per konsiloj bonvenigis la laboron.

S-ro Renato Corsetti sciigis, ke la plibonigita versio estos

ekzamenita de komisiono de spertuloj; se la kvalito estas akceptebla, la verko estos eldonita de UEA en sia kolekto “Oriento kaj Okcidento”, okaze de UK 97 en Hanojo.

Informada komisiono de VEA

# Koreio

## La 12-a Tago de Pioniro de KEA

En la 15-a de majo, Korea Esperanto-Asocio (KEA) festis la 12an Tagon de Pioniro en la Fakultata Halo de Kyungbook Ŝtata Universitato en Daegu. En la festo, kie oni honoris karmemoran d-ron LEE Chong-Yeong (1932-2008), partoprenis 85 homoj inkluzive la familianojn kaj universitatajn kolegojn de d-ro LEE, kaj unu germanan esperantiston. La eldonitan memorlibron nomatan Keunseuseung Hyangchon LEE Chong-Yeong (Granda Instruisto LEE Chong-Yeong, korealingva versio de memorlibro pri LEE Chong-Yeong, 387 paĝoj) redaktis KIM Uson, CHOE Taesok kaj SONG Ho-young.

Ek de 1999 KEA ĉiujare celebras la 'Tagon de Pioniro' (la 15-an de majo) kaj eldonas memorlibron por la elektita pioniro en korea Esperantujo. Kiam d-ro LEE Chong-Yeong, iama prezidanto de KEA (1994-95, 1998-2001) kaj de UEA (1995-1998), forpasis en la 4a de julio 2008, oni faris la funebran ceremonion en la nomo de KEA. Kaj la estraro decidis, ke li estu honorata en la Tago de Pioniro en 2010, kaj organizis eldonkomisionon de la memorlibro.

La eldonkomisiono kolektis materialojn por la memorlibro, t.e. artikoloj, kiujn d-ro LEE kontribuis al Esperanto-gazetoj, kaj memorverkoj de liaj amikoj, de liaj iamaj samlernejanoj, de liaj universitataj kolegoj, kaj de lia kolego de Organizo de Unuiĝintaj Nacioj pri Manĝaĵo kaj Agrikulturo (FAO, Food and Agriculture Organization of the United Nations). Ĉar la materialoj estis tro multaj por unu libro, la eldonkomisiono decidis dividi la memorlibron laŭlingve en du volumojn — la unua, LEE Chong-Yeong, gvidanto nia (Esperanta), estu eldonita en la unua

datreveno de lia forpaso (la 4a de julio 2009), kaj la dua, Keunseuseung Hyangchon LEE Chong-Yeong (korealingva), en la Tago de Pioniro en 2010.

En la evento parolis PARK Wha-Chong (la prezidanto de KEA), kaj pri d-ro LEE rememoris liaj amikoj, universitataj kolegoj kaj LEE Jung-kee (la prezidanto de KAEM). KIM Uson raportis pri enhavo de la libro kaj pri la procedo de la redaktorado. Kaj LEE Sung-il (filo de d-ro LEE Chong-Yeong kaj la prezidanto de la kompanio Pizza Hut en Koreio) salutis al la partoprenantoj kaj dankesprimis al la kontribuintoj por la memorlibro. La ĉeestantoj estis regalataj de la familio de d-ro LEE.

## La 20-a Kurskunveno de NEL

La 20-a Kurskunveno de Namkang-Esperanto-Lernejo (NEL) okazis la 15an-16an de majo 2010. En la kurso ĉeestis 58 esperantistoj inkluzive unu germanon. Ekzistis 5 kursoj: 'Eelementa kurso' (gvidita de PARK, Yong-sung), 'Post baza kurso' (LEE Jung-kee kaj SONG Ho-young), 'Nur Esperante' (Kim Uson, SONG Ho-young, KIM Yeong-rong), 'Legado' (HO Song), 'Ludante kaj kuirante' (MIN Jung-jin).




NEL estas fondita en la jaro 1998 de d-ro PARK Wha-Chong, nuna prezidanto de KEA. Ĝi okazigas kurskunvenon dufoje ĉiujare, printempe kaj aŭtune en Namkang Seowon, korea malnovforma lernejo konstruita en 1537 en sud-orienta parto de korea duoninsulo.

### Renkontiĝo de Ŭonbulismo

Esperantista Asocio de Ŭonbulismo (prezidanto KIM Sang-ik) ĉiusomere okazigas jene enhavriĉan renkontiĝon.

Dato: la 8a (dimanĉo) – la 11a (merkredo) de aŭgusto 2010
Loko: Trejnejo Bongdo en Seulo, Koreio
Enhavo: meditado, meditado-gimnastiko, koreaj kulturo kaj tradicia ludo, Esperanto-prelegoj, ekskurso, amuzaj ludoj, bankedo ktp.
Kotizo: 30 eŭroj aŭ 50 000 ŭonoj Oficiala lingvo: Esperanto
Aliĝlimdato: fino de junio 2010
Kontakto kaj aliĝo: LEE Jung-kee <esperanto@saluton. net>

## Israelo

### Esperanto 10-foje en la israela televido

Pasint-semajne Esperanto aperis en du popularaj televidaj programoj en Israelo:

Lunde la 26an de januaro kaj marde la 28an (ripetita sep fojojn) la prestiĝa intervju-programo "Ĥoce Israel" elsendis 25 minutan intervjuon kun Amri Wandel pri Esperanto (kaj astronomio). Ĝi estas daŭre rete videbla ĉe http://www.23tv.co.il/282-he/Tachi.aspx (ĉapitro 445).

Marde (ripetita tri foje) la programo "La klubo" elsendis 10 minutan intervjuon pri la 150 jubileo de Zamenhof kun Gian Piero kaj Amri. Ambaŭ intervjuoj estis tre favoraj.

Amri Wandel" <amri@huji.ac.il>

## Pakistano

### S-ro Amir Bashir Bhatti forpasis

S-ro Amir Bashir Bhatti, membro de suprem-konsilio de Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA), mortis la 12an de januaro. Li estis eksa prezidanto de PakEsA. En Pakistano li faris senlacajn penojn por la antaŭenigo de Lingvo Esperanto. Li havis plenan komandon super Esperanto. Li estis tre aktiva esperantisto. Li estas

(ek)okupantaj bazajn klasojn de Esperanto en Skolto-centro, malsamaj lernejoj kaj superaj lernejoj. Li tradukis multajn librojn el la urdua lingvo en Esperanton.

Ĉe la centra oficejo de PakEsA, kondolenca kunsido okazis en la nomo de PakEsA omaĝe al liaj brilegaj kaj elstaraj servoj al Esperanto, en kiu la prezidanto de PakEsA kaj esperantistoj partoprenis. Taiq Umar Chauhdry tariquch@yahoo.com

# Turkio

## La 3-a Mezorienta Kunveno en Eskiŝehiro

La 3-a Mezorienta Kunveno okazis en la turka urbo Eskiŝehiro. Ĝi estis same sukcesa kiel la pasintjara, kvankam tute alikaraktera. Ĉeestis multaj turkaj gejunuloj kaj ankaŭ turkaj esperantistoj el kelkaj urboj, pro kio la kunveno estis speco de turka landa (junulara) kongreso.

Espereble de nun la landa movado en Turkujo plufloros memstare. La turka versio de la reta Kurso de Esperanto de Carlos Pereira estas pli kaj pli malkovrata de turkaj komputilantoj.

Okazis la kutimaj prelegoj sed pro la junulara etoso ankaŭ diskutoj seriozaj pri malfacilaj temoj: ĉu leĝoj kontraŭ la islama vualo estas bonaj aŭ malbonaj?

Renato Corsetti <renato.corsetti@gmail.com>

# Taĝikio

## Eldoniĝis nova libro

Asocio de Esperantistoj de Taĝikio petis subvencion de KAEM por eldoni la 357-paĝan libron en A5-formato verkitan de s-ro Firdaus Sukurov (prezidanto de AET), kiu enhavas koncizan gramatikon, Taĝika-Esperantan konversaciaron, Esperanta-Taĝika-Rusan kaj Taĝika-Esperanta-Rusan vortaretojn (ĉirkaŭ 4000 vortoj), tekstojn de la tradukitaj taĝikaj kantoj, proverbojn kaj anekdotojn, oficialajn dokumentojn pri UN, UNESKO kaj UEA. KAEM decidis, ke ĝi subvenciu 650 eŭrojn por

la eldonaĵo (aliajn 600 eŭrojn AET mem kovros.), kaj la 5-an de majo 2010 eldoniĝis tiu Esperanto-lernolibro. La nove eldonita verkaĵo certe kontribuos por la movado en Taĝikio.

## Nepalo

### La nove eldonita organo "Katmando"

Vi povas trovi PDF de la organo "Katmando" en jena retejo: http://ur.lc/gvo Razen Manandhar <razeno@gmail.com>

## Birmo

### Baldaŭ Okazos la Unua Esperanto-kurso

Kunlabore kun KAEM kaj du ĉinaj samideanoj (s-roj WANG Guangfu kaj WANG Tianyi), s-ro LI Jianhui, kursgvidanto de Esperanto por Birmo, jam estas en la subŝtato Keqin, Birmo, kaj renkontis eduko-ministron, kaj unue okazigos Esperanto-kurson por oficistoj de tiea registaro. (La 11an de majo)

## Internaciaj Movadoj

### La Internacia Virina Tago en Hiroŝima 2010

La 7an, marto, ni havis kunvenon de la Internacia Virina Tago en Hiroŝima 2010 kune kun 150 aktivulinoj. Akceptitaj mesaĝoj, portotaj al la Kunveno de Reekzameno de Ne-disvastiĝo de Nuklearmiloj en Novjorko, Usono en majo, estas 344 el 66 landoj. En la kunveno en Hiroŝima la partoprenantoj havis la presitan mesaĝaron.

Ekspozicio de la mesaĝoj okazis ĉe Placo por la Urbana Interŝanĝo unu semajnon, kaj ĉe Virina Eduka Halo de Hiroŝima unu semajnon antaŭ la Virina Tago. Kaj pli ol 1000 civitanoj venis al ĝi. Ĉe la kunveno s-ino Abe Kjoko, prezidanto de la plenuma komitato, esprimis dankon al esperantistoj, kiuj sendis la mesaĝojn al ni virinoj de Hiroŝima.

Sekve kvin reprezentantoj el la komitato raportis siajn agadojn por paco. Ankaŭ OSIOKA Taeko raportis, ke multaj esperantistoj kunlaboris kun ni, ne nur doni solidarecajn mesaĝojn, sed ankaŭ disvastigis la alvokon el Hirosima tradukinte en sian lingvon, per radiodissendo, ĵurnale k.t.p. En Slovenio kaj Svislando esperantistoj bele organizis ekspozicion de Hirоŝima-Nagasaki! Do, partoprenantoj vere admiris kaj sentis, ke multaj esperantistoj plene laboras por paco. Atombombitino prelegis pri sia sperto sub atombombado, alvokis kune lukti por nuligo de nuklearmiloj sur la tero. Post la kunveno ni manifestaciis kantante, tenante florojn, apelante pacon al Paca Parko.

Ni certe portos viajn mesaĝojn al la Kunveno de Reekzameno de NPT en Novjorko en majo. Ni kore dankas vin ĉiujn!

---------------------------------------------------

**344 mesaĝoj el 66 landoj por la Virina Tago 2010**

Azio 42: Barato 1/ Ĉinio 10+4/ Irano 2/ Israelo 3/ Kazaĥio 2/ Koreio 9/ Nepalo 3/ Pakistano 3/ Uzbekio 1/ Vjetnamio 4.

Afriko 14: Alĝerio 1/ Benino 1/ Burkinio 1/ Kongo DR 6/ Malio 1/ Senegalo 1/ Tanzanio 1/ Togolando 2.

Oceanio 7: Aŭstralio 6/ Nov-Zelando 1.

Sudameriko 34: Argentino 5/ Brazilo 19/ Ĉilio 1/ Ekvadoro 1/ Honduro 1/ Kolombio 1/ Kostariko 1/ Kubo 2/ Meksikio 2/ Venezuelo 1.

Nordameriko 11: Kanado 4/ Usono 7.

Eŭropo 236: Albanio 2/ Armenio 1/ Estonio 1/ Aŭstrio 4/ Belgio 10/ Britio 3/ Bulgario 6/ Ĉeĥio 7/ Danio 1/ Finnlando 9/ Francio 80/ Germanio 15/ Grekio 3/ Hispanio 7/ Hungario 10/ Irlando 2/ Islando 3/ Italio 19/ Kroatio 2/ Latvio 1/ Litovio 1/ Luksemburgio 2/ Malto 1/ Nederlando 7/ Pollando 6/ Portugalio 1/ Rumanio 2/ Rusio 7/ Serbio 4/ Slovenio 4/ Slovakio 1/ Svedio 8/ Svislando 4/ Ukrainio 2.

OSIOKA Taeko, Hiroŝima Esperanto-Centro
osioka@mua.biglobe.ne.jp osioka@mail.goo.ne.jp

# Invito al Esperanto-*Sumoo*

Kiom da Esperantaj libroj vi legas dum unu jaro? Eble malmultajn. Kial? Tial, ĉar unue vi devas kompreni Esperanton en la libro, vortojn kaj gramatikaĵojn. Homoj emas eskapi el malfacilaĵoj kaj fuĝi al pli facilaj aferoj, ekzemple al libroj skribitaj en sia gepatra lingvo aŭ televido. Esperantistoj scias, ke ili devas legi Esperantajn librojn, sed ili ne faras tion, pretekstante, ke ili estas okupitaj. Tamen ĉu tio estas permesebla? Por tiuj nediligentaj esperantistoj, mi inventis Esperanto-*Sumoo*-on.




*Sumoo* estas japana tradicia lukto. Ĉiun jaron okazas 6 konkursoj. Unu konkurso daŭros 15 tagojn. En majo, ekde la 9a ĝis la 23a, okazas Maja *Sumoo*-konkurso. Kaj paralele ankaŭ Esperanto-*Sumoo*, en kiu nun partoprenas 35 esperantistoj inkluzive de kelkaj ne-japanoj.

1. Celo: Altigi legkapablon de esperantistoj.
2. Luktmaniero:
   1) Elektu libron, kiun vi legos dum tiu konkurso.
   2) Decidu po kiom da paĝoj vi legos por unu tago.
   3) Laŭ la irado de vera *Sumoo*-konkurso, ni luktadas. Se vi legas promesitajn paĝojn ĝis la noktomezo de tiu tago, vi gajnos ○ (blankan rondon), se ne, ● (nigran rondon). Tiamaniere vi luktadas kun la libro dum 15 tagoj. Vi ne luktas kontraŭ aliaj luktistoj, sed kontraŭ vi mem. Dum la 15 tagoj vi devas koncentriĝi pri tiu libro kaj venki. Malvenko signifas vian maldiligentecon kaj malkoncentriĝon, nome vian malbonan vivmanieron.

La Somera konkurso komenciĝos la 11an de julio (dimanĉo) ĝis la 25a (dimanĉo). Tiu Esperanto-*Sumoo* ŝanĝos la movadon. Mi atendas vian partoprenon.

HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

## Leteroj

### Sukcese al la 97-a UK 2012 en Hanojo!

Le Thi Thien Thu (Hochiminh-urbo Vjetnamio)
<lethienthu_esper@hotmail.com>

Oficiala decido pri la 97-a Universala Kongreso 2012 en Hanojo venis al mi. Kun granda ĝojo kaj entuziasmo la vjetnamaj esperantistoj ricevis la defian taskon.

Nun la unuan fojon oni celas la okazigon de Universala Kongreso de Esperanto en Hanojo, Vjetnamio, en 2012, en la daŭro de la historio de la Vjetnama Esperanto-Asocio ekde 1956. Pro historieco mi ne povas ne rememorigi la rendevuojn de la monda esperantistaro en la Dua Azia Kongreso de Esperanto en 1999 kaj la 63-a la Internacia Junulara Kongreso de Esperanto en 2007 en Hanojo.

Mi esperas, ke la nombro de partoprenontoj en la UK 2012 estos almenaŭ 1.200, sed mi deziras eĉ 1.500 aŭ pli. Tio estas mia ora revo. Ni vjetnamaj esperantistoj de la Norda ĝis la Suda Vjetnamio grandigu nian rondon por prepari la ekkomencajn laborojn de la historia Esperanto-evento, precipe por diskonigi ĝin al ĉiuj en la tuta lando. Sukcese al la 97-a Universala Kongreso de Esperanto 2012 en Hanojo!

## Libro

### Muziklibro laŭ Poemoj de Zamenhof

"HO, MIA KOR'" estas muziklibro de kolektitaj melodioj laŭ poemoj de Zamenhof. Kiam muzikamantoj legas kaj deklamas en Esperanto la poemojn de L. L. Zamenhof, ili ekkantas sur la lipoj kaj ekskribas sur muzika liniaro jen melodiojn emociajn. En la komencaj jaroj de Esperanto oni ekkantis la poemon "La Espero" kun siaj melodioj. El kelkaj melodioj la kompono de franco Ménil estis akceptata kiel himno en la Universala Kongreso.

"Al la Fratoj" havas kortuŝan melodion de japana muzikisto Iida. Mi mem ŝatas kanti ĉi tiun kanton kun tiu melodio. Inkluzive ĉi

tiujn du kantojn, la nova kantaro “HO, MIA KOR’” havas en si 10 poemojn de Zamenhof originalajn kaj tradukitajn. Kaj kelkaj poemoj havas 4 ekzemplajn melodiojn. En la kantaro oni trovas pianakompanon de “La Espero” kaj ankaŭ aliajn kelkajn muzikojn.

Por koni koron de la Majstro oni kantas la poemojn kun melodioj aŭ deklamas ĝin. Por legi kaj deklami, vi trovas paĝojn de versoj de ĉiuj poemoj.

Kiam vi havas Zamenhofan Feston en via klubo, se vi aktoras la kreinton de Esperanto, ĉu vi ne kantos gratulon por la nova lingvo kun aliaj junaj studentoj? La melodio de “Himno de la Lingwe Uniwersala” troviĝas en ĉi tiu kantaro. Kiam vi kantas kun glasego da biero en via esperantista vespero, “Kanto de Studentoj” ebriigos vin. “Ĝoju, ĝoju, ni kolegoj, dum ni junaj estas!” en la fama tradicia melodio kun simpla melodio, tradukita de Zamenhof. Kantado kun gitaro de “Ho, mia kor’” de Neide Barros Rego estas prezentita en YouTube. Neide kantas en Esperanto.

Nia kantlibro estas eldonita el BELTONO en Japanio. Ĝi estas presita kaj bindita de mi mem laŭ mendo. Laboro de laŭ-mendo kaj per-komputilo kaj sur-tablo. Eldonkvanto de nia kantlibro estas malgranda, sed tamen utileco de ĝi estas granda. Mi kredas, ke en ĉiu epoko kaj ĉiu loko de la mondo la poemoj de Zamenhof estos kantataj de kantemuloj-Esperatistoj.

YAMADA Tadasi <yamadapiano@mac.com>

## Ho, mia kor’

**1. Ho, mia kor’, ne batu maltrankvile,**
**El mia brusto nun ne saltu for!**
**Jam teni min ne povas mi facile,**
**Ho, mia kor’!**

**2. Ho, mia kor’! Post longa laborado**
**Ĉu mi ne venkos en decida hor’!**
**Sufiĉe! trankviliĝu de l’batado,**
**Ho, mia kor’!**

# Laborraporto de ĈEL de 2007 ĝis 2009

Wang Ruixiang
(vic-sekretario de Ĉina Esperanto-Ligo,
Estro de oficejo de ĈEL, vicprezidanto de KAEM)

De post decembro de 2007, kiam okazis la 7-a Ĉina Kongreso de Esperanto en Kantono, la Ĉina Esperanto-Ligo gvidate de la spirito de la 17-a Centra Komitato de la Komunista Partio de Ĉinio, observis la decidojn de la Centra Komitato de la Partio kaj gvidantaro de la Fremdlingva Eldona kaj Distribua Buroo, sekvante la sloganon aprobitan de la 7-a Kongreso "Science disvolvi Esperanto-movadon, antaŭenpuŝi la harmonion en Esperantujo por konstruado de la bonhava socio per Esperanto". ĈEL donis grandan atenton al sia disvolviĝo, utiligis la estantajn kondiĉojn, kreis novan labor-rimedon kaj malfermis novan laboran kampon. Helpate de diversaj sociaj rondoj, lokaj E-asocioj kaj esperantistoj, ĈEL rikoltis iajn sukcesojn, kiuj tre utilas al nia estonta laboro. Nun mi raportu laborojn en la pasintaj du jaroj de ĈEL kaj tiun de lokaj E-asocioj.

**1. Laboro de la Ĉina Esperanto-Ligo**

La Oficejo de ĈEL plenumis la laborplanon: redaktado de "Informilo de ĈEL" kaj sia retejo, eldono de E-libroj: Por celebri la Pekinajn Olimpikojn en 2008 kaj la 150-an datrevenon de la naskiĝo de Zamenhof en 2009, ĈEL eldonis 4-lingvan manlibron pri Olimpikaj vortoj", du-lingvan poemaron de Chen Haosu "La Esperan Vojon", kaj Esperantan version de "Romano pri la Tri Regnoj" kaj "Pilgrimo al la Okcidento", kaj "la Faraono" en la ĉina lingvo.

ĈEL sendis delegacion al Barato, Nederlando kaj Pollando por partopreni en la 5-a Azia Kongreso, la 93-a UK kaj la 94-a UK. Estas menciinde, ke la prezidanto s-ro Chen Haosu kaj vicprezidanto s-ro Guo Xiaoyong gvidis ĉinan delegacion por partopreni ĉi-jaran UK en Bjalistoko.

**2. Viglaj lokaj Esperanto-aktivadoj**

De 2007 ĝis 2009, 21 E-Asocioj el 34 provincoj, municipoj kaj aŭtonomaj regionoj estas oficiale registritaj, E-asocioj de Pekino, Ŝanhajo, Tianjin, Zhejiang, Chongqing, Liaoning estis premiitaj de lokaj superaj organoj.

En la lastaj jaroj lokaj Esperanto-aktivadoj estis tre viglaj. En la 17-a kaj 18-a de majo okazis en Harbin la 5-a Esperanto-Kongreso de Nord-orienta Ĉinio. En septembro de 2009 malfermiĝis la 3-a Internacia Esperanta Festivalo en Zaozhuang de Shandong, en oktobro de 2009 inaŭguriĝis en Lushan la 2-a Esperanta Forumo kaj Seminario de Ĉina Sekcio de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj, tiuj aktivadoj altiris al si esperantistojn ne nur ĉinajn sed ankaŭ alilandajn. Krome, E-asocioj de Jiangsu, Guangdong, Chongqing respektive organizis Internacian Lingvan Festivalon, E-Turisman Festivalon en Zhonshan kaj E-Festivalon en Chongqing.

Intensigi la komunikadon inter E-asocioj kaj esperantistoj estas grava rimedo por disvolvi la movadon. Pluraj ĉinaj urboj havas sian ĝemelan urbon en aliaj landoj, ekz. Tianjin sinsekve starigis ĝemelajn rilatojn kun Kobeo de Japanio, Incheon de Koreio, Lodz de Pollando kaj Melbourne de Aŭstralio, kaj Changzhou kun la japana urbo Takatuki.

Lastjare multaj altaj lernejoj malfermis E-kursojn. Ili estas la Ĉina Komunikada Universitato, la Nankina Universitato, la Pekina Lingva kaj Kultura Universitato, Liaoning-Univeritato, Shenyang-a Konservatorio, Dalian-Universitato, Liaodong-Universitato, Shenyang-Universitato, Shandong-Universitato, la Tradukista Universitato de Xi'an, la Kantona Universitato, la Sud-Okcidenta Universitato de Financo kaj Ekonomio, la Chongqing-Universitato, tiuj kursoj bone helpas la lernantojn koni la lingvon, gajni lernopoentojn kaj larĝigis ilian vidkampon. Krome, kursoj aktivas ankaŭ en elementaj lernejoj, ekz. En Jiangsu-provinco la Dongfang-elementa lernejo de Changzhou kaj Baotanlu-elementa lernejo en Zhenjiang oni antaŭ longe malfermis kurson en

Baiyangshujie-elementa lernejo de Taiyuan.

**3. Mankoj al ĈEL**

En la pasintaj du jaroj ni korektis iujn el niaj mankoj. Pro manko de esplorado pri scienca administrado kaj teorio, ni ne tiel bone plenumis nian laboron kaj solvis problemojn.

En la sekvantaj jaroj, ni intensigos organan konstruon por antaŭenpuŝi la harmonion de kultura disvolviĝo. E-asocioj bezonas tiujn, kiuj havas konsciojn pri leĝoj kaj ĝenerala situacio. La gvidantoj devas koni la valoron de Esperanta laboro en totaleco, kompreni E-laboron el la vidpunkto pri konstruo de harmonia socia kulturo, oni devas analizi kaj esplori la bezonon kaj kapablon de esperantistoj por intensigi la harmonion de esperantistoj kaj E-asocioj.

En sekvantaj du jaroj, novaj UK-oj okazos en Kubo kaj Danio respektive. En 2010 la 6-a Azia Kongreso malfermiĝos en Ulanbatoro, Mongolio, kiuj prezentas scenejon por konigi fremdajn esperantistojn pri Ĉinio, tial ne nur Ĉina Esperanto-Ligo sed ankaŭ lokaj E-asocioj, mi proponas, partoprenu en ili aktive.

Instruado kaj aplikado de Esperanto estas gravaj por la ĉina movado, ni esperas, ke Esperanto-instruistoj novaj kaj veteranaj memvole ŝarĝos sur si instruadon de Esperanto kaj prezentos proponon pri tio. Estas prefere kiel eble plej frue starigi Ĉinan Esperantistan Instruistan Asocion, ellabori regulojn, kulturi Esperanto-instruistojn, kaj interŝanĝi spertojn kaj rikoltojn de E-instruado, por ke ĝi gvidu lokan E-instruadon sur normala, internacia kaj sistemiga vojo.

Dank' al nia laboro en la pasintaj du jaroj ni profunde konis, ke la disvolvo de nia movado nepre devas esti gvidata de scienca koncepto pri disvolvado, liberigi niajn pensojn, esti praktika kaj realisma, energie praktiki la reformadon kaj kreivecon, kiel eble plej multe utiligi la materiajn kaj inteligentajn fortojn de diversaj flankoj kaj gvidi nian movadon en nova etapo de la disvolvado surbaze de la energia laboro de E-establoj kaj niaj samideanoj de la tuta lando.

# Mongolio

## Historio de Esperanto-movado de Mongolio

Kiel notas "Enciklopedio de Esperanto", sur teritorio de Mongolio jam en la unuaj jaroj de Esperanto-movado loĝis esperantistoj, precipe rusaj, ekzemple N. P. Efstifeieff en Urga (malnova nomo de Ulaanbaatar/Ulanbatoro) en 1900 kaj I. Puĉkovskij en Rus-Mongola komerca lim-urbo Kjaĥta 1889 (2a volumo, Budapest, 1986, p.376). Sed mongoloj mem unue eksciis pri lingvo Esperanto nur post la sendependiĝo de sia patrolando, nome kiam revenis el eksterlando (1924) la plejunua mongola esperantisto Namĝil Ĥajanĥjarvaa (1885-1934). De tiam pasis jam sepdek jaroj.

Laŭ mia opinio, en la Mongola Esperanto-movado estas klare difinitaj kvar ĉefaj periodoj. La unua periodo ampleksas la tempon de 1924 ĝis 1950. Reveninte en sian landon en 1924 N. Ĥajanĥirvaa komencis propagandi Esperanton. Li el Esperanto mongoligis la fabelojn "Pri nuda reĝo" de H. K. Andersen (danlanda) kaj "La ĉevaleto kun ĝibo" de Jerŝov (rusa) kaj aperigis en la gazetoj "Partia gazeto", "Unen" (La Vero). Laŭ la parolo de maljunuloj, samtempe li instruis Esperanton al kelkaj junaj lernantoj kaj oficistoj, inter ili estis juna oficisto, estonta akademiano Junŝobu Rinĉen (1905-1977), kiu plenumis gravan rolon en Esperanto-movado en Mongolio.

En 1925 bonan propagandon por Esperanto faris en Mongolio vizito de sovetia ses-homa aeroplana flugekspedicio Moskvo-Ŝanhajo. Tiam okazis renkontiĝo inter sovetia ĵurnalisto Rosenblat kaj Ĥajanĥirvaa, (kaj Esperanto servis inter ili kiel interkomprenilo" (Enciklopedio de Esperanto, 2a volumo, Budapest, 1986, p.376).

En Ulaanbaatar la unua Esperanto-kurso ekfunkciis en 1933 sub gvido de Rinĉen. Li multe laboris por ke junularo konatiĝu kun Esperanto. Tiumaniere komenciĝis Esperanto-vivo en nia ĉefurbo, kie la ĉefaj laborantoj estis kamaradoj N. Khayankhirvaa [Ĥajanĥjarvaa] kaj Ju. Rinchen [rinĉen]. Tiam esperantistiĝis kelkaj

intelektuloj, kiel ekzemple estonta doktoro de historio D. Perlee, tipografia inĝeniero Baatarsenge kaj aliaj.

Sed bedaŭrinde, ĵus komencinta Esperanto-movado en Mongolio tiam ne povis daŭri plu, ĉar en 1934-1937 estis arestitaj pro politika kaŭzo multaj intelektuloj kaj pli multo el ili estis pafmortigita. Inter ili estis preskaŭ ĉiuj, kiuj lernis Esperanton. Sinjoro N. Ĥajanhirvaa mortis en karcero (1934). Ju. Rinĉen kaj D. Perlee pasigis en malliberejo 5-6 jarojn. Unuvorte, pro la politika kaj ideologia kaŭzoj tiam Esperanto estis devigita silenti longdaŭre. La ĉefa rezulto de la unua periodo estis, ke mongoloj eksciis la Internacian lingvon Esperanto.

La dua periodo daŭris inter 1950-1970 jaroj. Danke al reviglîĝo de Esperanto-movado en tiamaj socialismaj landoj alvenis la tempo por prizorgi pri Esperanto en Mongolio. Ju. Rinĉen verkis kaj ĉe la komenco de kvindekaj jaroj eldonis la unuan aŭtodidaktan lernolibron de Esperanto (por mongoloj). B. Dagva, kiu lernis Esperanton en Pollando, kompilis kaj eldonis koncizan dudirektan vortaron Mongola-Esperantan kaj Esperanto-Mongolan.

Tuj post la apero de la unua lernolibro de Esperanto, fama Mongola verkisto (Gvidinto de Mongola Junularo) Lodon Tudev de sur la tribuno de Kongreso de Mongola Junularo alvokis gejunulojn lerni la lingvon Esperanton. En la gazetoj kaj ĵurnaloj aperis kelkaj artikoloj. Tiam la lernolibro de doktoro, profesoro Ju. Rinĉen, kiu estis eldonita kun 3000 ekzempleroj, estis tuj elĉerpitaj. Sed eklernis la lingvon malmultaj kaj poste plimulto el ili ĉesigis sian lernadon de Esperanto, ĉar krom la lernolibro kaj vortareto nenio estis por legi kaj perfektigi scipovon de la lingvo Esperanto.

Meze de la sesdekaj jaroj en Ulaanbaatar, nuna eminenta film-aktoro B. Damĉaa kaj Ĉ. Dogsuren komencis lerni Esperanton kune en sama Esperanto-kurso. En Sovetio, mongolaj studentoj Ŝ. Jansanĝav en urbo Ufa kaj O. Buuvei en Moskvo vizitinte Esperanto-kurson lernis Esperanton. Sinjoro Ĉ. Dogsuren jam preparis lernolibron de profesoro Ju. Rinĉen al la dua kaj la tria eldono kaj eldonigis en 1967 kaj alian lastan en 1986 (la kvara

eldono jam aperis en 1992). La ĉefa rezulto de la dua periodo estis, ke oni ekhavigis al mongoloj la lernolibrojn kaj vortaretojn de Esperanto kaj aperis kvankam tre malmultaj, tamen la nombro de amantoj de Esperanto sufiĉe multe kreskiĝis.

La tria periodo estis inter 1970-1990 jaroj. En jaro 1970 estis fondita Mongola Esperanto-Unuiĝo ĉe la Asocio de Mongolaj verkistoj laŭ la iniciato de kelkaj aktivaj esperantistoj. La volontula organizaĵo kelkfoje funkciigis elementajn kaj mezgradajn kursojn, kiujn vizitis pli ol cent gejunuloj. Komence de okdekaj jaroj Ĉ. Dogsuren mongoligis el Esperanto la tri volumojn de historia romano "Faraono" de Pola verkisto Boleslav Prus kaj la unuaj du volumoj jam eldonitaj dum tiujare kaj pli poste (la lasta tria eldonita en la jaro 2001). S-ro B. Dorĝ (gvidis Mongolan Esperanto-Asocion dum jaroj 1992-2000) tradukis la plenan libron "La nomo de sinjoro Arne" de Sveda Nobelpremiita verkisto Selma Lagerlof kaj eldonigis libroformate. La tradukoj faris bonan propagandon pri Esperanto.

La kvara periodo komenciĝis ekde 1990 jaro. (daŭrigota)

## Paĝoj de KAEM

## === Esperanto-eventoj 2010-2011 ===

### Azio

### 2010

6.5 ~ 6 / La 59a Kantoo-Esperanto-Kongreso / Tokio, Japanio
6.5 ~ 6 / La 58-a Kongreso de Esperantistoj en Kansajo / Nara, Japanio
6.19 ~ 23 / La 6-a Azia Esperanto-Kongreso/ Ulanbatoro, Mongolio
8.8 ~ 11 / La 5-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado / Seulo, Koreio
8.20 ~ 22 / La 6-a Ĉina Nordorienta Esperanto-Kongreso / Dandong, Ĉinio
9.10 ~ 12 / La 4a Zaozhuang-a Internacia Festivalo de Esperanto /

Zaozhuang, Ĉinio
10.9 ~ 11 / La 97-a Japana Esperanto-Kongreso / Nagasaki, Japanio
10.23 ~ 24 / La 42-a Korea Esperanto-Kongreso / Koreio
11.6~7 / La 51a Tohoku-Kongreso de Esperanto / Morioka, Japanio
11.6 ~ 7 / La 11a Esperanto-Kongreso en Ĉugoku kaj Ŝikoku / Higaŝi-Kagaŭa, Kagaŭa, Japanio
12.18 ~ 20 / La 29-a Komuna Seminario (KS) / Hanojo, Vjetnamio

## 2011

10.7 ~ 9/ Komuna Kongreso de Esperanto inter Koreio kaj Japanio aŭ inter Japanio kaj Koreio /Seulo, Koreio

*Samloke kaj samperiode, en Seongnam proksime de Seulo okazos La 43a Korea Kongreso de Esperanto kaj La 98a Japana Esperanto-Kongreso.

## Ĉefaj Aranĝoj en la Mondo

7.17 ~ 24 / La 95a Universala Kongreso / Havano, Kubo
7.24 ~ 31 / La 66-a Internacia Junulara Kongreso (IJK) / Los Cocos, Santa Cruz del Norte, Kubo
2011.7. La 96a Universala Esperanto-Kongreso / Kopenhago, Danlando




**Ĉie okazu Esperanto-kursoj!**

Esperanto-kurso en Katmando

Foto: Bharat ghimire <nespa_bharat@hotmail.com>

## Membrigo de aziaj aktivuloj al UEA 2010

UEA havas sistemon membrigi aktivajn homojn loĝantajn en neriĉaj aziaj landoj. Tiun ĉi jaron jenaj homoj estis akceptitaj kiel membroj de UEA.

En aŭtuno ni akceptos novajn kandidatiĝojn, do ne forgesu sendi vian peton al s-ro SASAKI, la respondeculo pri tiu projekto <steruhiro@hotmail.co.jp>.

**Laŭlandaj nombroj**

Afganio 1, Azerbajĝano 1, Bangladeŝo 1, Barato 5, Ĉinio 43, Filipinoj 3, Indonezio 11, Kamboĝo 1, Laoso 1, Mongolio 5, Nepalo 9, Pakistano 22, Srilanko 5, Tajlando 1, Turkio 1, Uzbekio 1, Vjetnamio 43 Sume: 154

**Afganio (1)** 1. Samad Qarluq

**Azerbajghanio (1)** 1. Shaig Bahram oglu Mammadov

**Bangladeŝo (1)** 1. MUHAMMAD MAHBUBUL HUQ

**Barato (5)**

1. s-ino S. Poorna
2. s-ro Rohan Dharwadkar
3. K. Naga Siva Kumar
4. S-ro Bhushan Umeshrao Patil
5. s-ro Adinarayana

**Ĉinio (43)**

1. Cao Donghai
2. Dai Yang
3. Han Zuwu
4. Hu Shangrong
5. Huang Mingzhong
6. Huang Tingsheng
7. Ji Yin’geng
8. Jiang Xiaofeng
9. Li Liting
10. Liang Naikeng
11. Lin Leming
12. Lu Zheng
13. Luo Hancheng
14. Ma Fengchen
15. Ma Zhi rong
16. Ning Shouren
17. Qin Kaiji
18. Ruan Qingxiang
19. Shen Chengru
20. Shi Huiping
21. Wan Renping
22. Wangbin
23. Wang Chunying
24. Wang Guiying
25. Wang Letian
26. Wang Shuyu
27. Wang Xinrong
28. Weishan
29. Xiong Zhouxuan
30. Xu Deji
31. Yang Airong
32. Zhang Ai yu
33. Zhang Jiayu
34. Zhang Miaojuan
35. Zhang Pinyi
36. Zhang Ping
37. Zhang Xiuxian
38. Zhao Yifeng
39. Zhou qi
40. Zhuang Qixiong
41. Gong Xiaofeng
42. Huang Yongjian
43. Zhang Xuesong

**Filipinoj (3)**

1. Doktorino Lydia Liwanag
2. S-ino Ruchell Remolacio
3. S-ino Venus Cruz"

**Indonezio (11)**

1. S-ro Hazairin R. JUNEP
2. s-ro B.J.Haryono
3. H.Hartaka Hardjadinata
4. Ekoningtyas M. Wardani
5. Konperensi Asia Afrika
6. Hafizh Mancayo.
7. Cucu Komariah
8. Irene MM Eta E.
9. Rijanto Husadha
10. Nurhayati Suhui
11. Hanung Prakoso

**Kamboĝo (1)** 1. CHHIM SOKHA

**Laoso (1)** 1. S-ro KANNA BARAN

**Mongolio (5)**

1. s-ro Chimedtseren Enkhee
2. s-ino Dagva Gereltogtokh
3. s-ro Dogsuren Khurelbaatar
4. s-ro Dugar Altankhuyag
5. s-ro Balduuz Dorj

**Nepalo (9)**

1. s-ro Poshraj subedi
2. s-ro Razen Manandhar
3. S-ro Himalal Parajuli
4. S-ro Cholnath Pokhrel
5. S-ino Indu Thapalia
6. S-ro Bharat Ghimire
7. s-ro Navin Shrestha
8. s-ro Narendra Raj Bhattarai
9. s-ro Shree Prasad Pokharel

**Pakistano (22)**

1. s-ro Abid Ali Qureshi
2. s-ro Abid Hussain
3. s-ro Ali Amir Bhatti
4. s-ro Asad Shah
5. s-ro Ashfaq Ahmad Bhutta
6. s-ro Ata Muhammad
7. s-ro Ghulam Akbar
8. s-ro Jamil Ahmad Parvaz
9. s-ro Khalid Rasheed
10. s-ro Muhammad Akram
11. s-ro Muhammad Akram Rongha
12. s-ro Muhammad Baqir
13. s-ro Muhammad Naseh Ajmal KHAN
14. s-ro Muhammad Nasir
15. s-ro Muhammad Punhal Kaheri
16. s-ro Shabbir Ahmad Sial
17. s-ro Sohail Kamran
18. s-ro Waseem Arsal
19. s-ro Zubair Ahmad Qasmi
20. Mag.Tanvir BABER
21. s-ro Tanveer Iqbal
22. s-ro Munir Ahmad Joher

**Srilanko (5)**

1. S-ro Gayan Priyashantha Fernando
2. S-ro.Dayan Rajapakse
3. S-ro. Harsha E. Gamage
4. S-ro. Nirol L. Perera
5. S-ro Zeiter Perera

**Tajlando (1)** 1. s-ro Zelimir Pehar

**Turkio (1)** 1. S-ino Sevdiye KATIRCIOGLU
**Uzbekio (1)** 1. s-ro Anatoli Ionesov
**Vjetnamio (43)**

1. BUI HONG PHUONG
2. DANG NGOC NHAN
3. Dang Tram Thiet
4. DAO MAI ANH
5. DAO THI KIM YEN
6. DUONG TU KIEU
7. HO KHUE
8. HONG HAC (NGUYEN VAN THINH)
9. LE THI PHUONG LAN
10. LUONG NGOC BAO
11. MAI THE SY
12. NGUYEN ANH THU
13. NGUYEN BAC VU
14. NGUYEN DUC MANH
15. NGUYEN HOANG YEN
16. NGUYEN HONG NGUYEN
17. NGUYEN HUU PHUC
18. NGUYEN HUY THINH
19. NGUYEN MINH TOAN
20. NGUYEN THI HIEN
21. NGUYEN THI MINH TRANG
22. NGUYEN THI NGOC LAN
23. NGUYEN THI PHUONG
24. NGUYEN THI PHUONG MAI
25. NGUYEN THI THOM THOM
26. NGUYEN THI THU HIEN
27. NGUYEN THI TUYET NGA
29. NGUYEN TRONG BAU
30. NGUYEN XUAN THU
31. NGUYEN VAN HA
32. NGUYEN VAN PHACH
33. NGUYEN VINH
34. PHAN HONG VUONG
35. THIEU QUANG DIEU
36. TRAN HUE QUANG
37. TRAN PHUONG THAO
38. TRAN QUAN NGOC
39. TRAN THANH TUYEN
40. TRAN THI MAI LINH
41. VO THI KIM
42. TRINH HONG HANH
43. NGUYEN HOANG YEN

## Nomlisto de KAEM-anoj kaj taskoj

1. Koreio: s-ro LEE Jung-kee (prezidanto)<esperanto@saluton.net>
   Azia Kongreso kaj ĝeneralaj aferoj (Jarlibro de KAEM ktp.)
2. Vjetnamio: s-ro TRAN Quan Ngoc (vicprezidanto)
   <tqngoc38@yahoo.com.vn>
   Projektoj Ĉ (Edukado), Movado en sudorienta Azio
3. Ĉinio: s-ro WANG Ruixiang (vicprezidanto) <wrxzj@tom.com>
   Projekto D (libroj), Movado en nordorienta Azio
4. Barato: s-ro Ranganayakulu (sekretario/kasisto)
   <ranganayakulu@gmail.com>
   Sekretaria kaj kasa laboroj (Fondaĵo Azio de UEA, buĝeto kaj kasraporto de AK), suda Azio

5. Japanio: s-ro SASAKI Teruhiro <steruhiro@hotmail.co.jp>
Projekto C (membrigi aktivulojn al UEA), Rusio en Azio
6. Pakistano: s-ro Tariq Umar CHAUHDRY <pakesa@hotmail.com>
7. Irano: s-ro Reza TORABI <torabireza@gmail.com>
TTT-ejo de KAEM, Movado en Afganio
8. Nepalo: s-ino Indu Devi Thapaliya <luno1962@gmail.com>
Junulara movado en la mez-suda Azio
9. Taĝikio: s-ro Saidnabi S <saidanbi@mail.ru> meza Azio
10. Israelo: s-ino ESTHER SEBBAN <esti33333@hotmail.com>
11. Mongolio: s-ro Chimedtseren Enkhee <enchjo@yahoo.com>

**Kunlaborantoj de KAEM**

Japanio: s-ro HORI Jasuo (redaktado)
s-ino TAHIRA Masako (provlegado)
s-ro ISINO Yosio (presado kaj ekspedo)
Koreio: s-ino CHO Myung-ja, s-ro NA Byung-do

**UEA**

S-ro Probal Daŝgupta (Prezidanto, Barato)
<probal53@yahoo.com>
S-ro HORI Jasuo (Estrarano pri landa kaj regiona agadoj, Japanio)
<hori-zonto@water.sannet.ne.jp>

---

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
telefono: +81-3-3203-4581 fakso:+81-3-3203-4582
retpoŝto: <esperanto@jei.or.jp>
TTT-ejo de KAEM: <http://www.kaem.org/>
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0822 Gunma-ken Maebasi-si Simosinden 10-27